II Jaro. XIII Num. 1918 Januaro.—Madrido




ILUSTRITA REVUO MONATA
OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA KAJ ANDALUZIA FEDERACIOJ»



Presisto S-ro. Emilio G. Linera, staba kapitano S-ro. Fernando Redondo kaj infanteria kapitano S-ro. Julio Mangada Rosenörn, fondintoj de «Homaro» kaj poste de «Hispana Esperantisto» kaj «Zamenhofa Federacio», kaj eldonintoj kun nia Majstro de «Deklaracio pri Homaranismo»

# TELEPATIO

En andaluzia urbo kelkaj gajaj amikoj organizis ĉasekskurson. Ili devis vojaĝi iom tra riverego por atingi la agrablan lokon kie ili jam ia foje ĉasis.

Malluma nokto estis kiam la ĉasontoj enŝipiĝis en malgranda vaporŝipo, kiu ekveturis tra senbruaj, trankvilaj akvoj. Ĉio promesis al ili grandan amuzon: la belo de la kamparoj, la sufiĉega ĉasaĵo, la bona amikeco, la juneco... ĉio. Kiu, do, povus antaŭdiri malfeliĉon?

En la malgranda manĝoĉambro de la ŝipo ili vespermanĝis, ili trinkis el la plej bonaj vinoj de la Mondo, ili ŝercis kaj ridis. Poste ĉiuj iris dormi. La ŝipeto antaŭeniradis ne balanciĝante, tra nigregriza nebulo.

Subite granda ombro aperis antaŭ la ŝipeto; vaporŝipego kiu venis estis jam tiel proksima ke oni ne povis eviti la ektuŝegon. Ambaŭ ŝipoj iris unu kontraŭ la alia, kaj la frapo estis terura. La ŝipeto rapide subakviĝis, kaj neniu el la junuloj povis savi sin. Baldaŭ la bela ŝipeto ripozis sur la fondo de la rivero, kaj ĉiuj la vojaĝintoj denove dormis; sed tiam lia dormado estis la lasta, la eterna dormado... la morto.

La patrino de unu el tiuj pereintoj estis tiam en Parizo, kaj en la sama momento kiam okazis la katastrofo (tion oni povis konstati per la horo kiu estis en ambaŭ urboj), ŝi sentis kvazaŭ skuon kaj kvazaŭ ŝi aŭdus bruegon, kaj tuj ŝi pensis ke ŝia filo mortas. Tiel emocia estis la fenomeno kiun ŝi sentis, kaj tiel forta ŝia konvinko pri la morto de ŝia filo, ke ŝi, per la unua vagonaro, forvojaĝis el Parizo al Andaluzio.

Kiam ŝi alvenis hejmen ŝi vidis ke bedaŭrinde ne eraris. Tio kion ŝi sentis en Parizo, estis la eterna adiaŭo kiun ŝia filo sendis al ŝi dum la lastaj movoj de lia koro.

La skuo, la bruego kaj la timo al la morto vibris en la spirito de la mortanta junulo, kune kun la rememoro pri lia amata patrino.

* * *

Multaj homoj duvas pri tio, ke telepatio ekzistas; tamen ne tre malofte okazas telepatiaj fenomenoj. Kiel oni povas klarigi ilin? Mi pensas ke la nervaro funkcias per vibroj same kiel tiuj de elektro, kaj ankaŭ kiel la elektraj, ili ĵetas vibrondojn tra la monda etero. La etero kiu sidas en la funkcia centro de la cerbo (tio estas la spirito), vibras fortege kiam ĝi ricevas fortajn impresojn, kaj ĝiaj vibradoj povas agi en alia cerbo, same kiel aparato de senfadena telegrafio agas en alia kiu havas taŭgajn kondiĉojn.

Tiaj fenomenoj povas esti ankoraŭ pli fortaj kiam la spirito estas jam preskaŭ libera de la korpo, kaj kiam jam ne interrilatas kun nia konita Mondo per la korpaj sentoj, kaj alia vivo ekkomencas por ĝi.

Ĉu tio povas esti? Mia opinio estas jesa.

*Rafael de San Millán*

---

# SOLECOJ

Hodiaŭ mi suferis unu el miaj malĝojigaj momentoj. Mi vidis en la Hospitalo blankan kadavron kun malfermitaj senmovaj kaj turnitaj okuloj, kiuj timegas, ĉar mi ne scias kian lastan proteston ili montris. Senhara, sendenta kun tiuj bluaj kaj maldikaj manoj etenditaj antaŭen, ĝi montris geston kvazaŭ terura esprimo.

Mi rigardis ŝin longtempe kaj mi sentis interne de mi mem grandan malvarmon.

—Bah! Unu *el tiuj!*... Ŝi estis!...—diris al mi flegisto—Ŝi mortis preskaŭ blinda, muta, plena je ulceroj, mordetita de terura malsano...

Mi ne povis eviti ke de mia koro en miajn okulojn supreniru larmegoj, en mian gorĝon strangaj sufokoj, kolersulkoj en mian frunton, kaj en mian cerbon «Kialo»!...

Kaj mi rigardis ree, pli kompateme, la malfeliĉan amvendistinon, martirinon sen gloro, kiu foriris eĉ sen sia kuno mem.

Ŝi kuŝis busŝupre, kiel... kaj apud ŝi estis krucifikso.

—Ha!—mi pensis—Oni rakontas ke Li mortis ĉirkaŭita de personaro kiu insultis kaj kraĉigis Lin. Sed multe pli malĝojiga estas la morto en tuta soleco.

*T. M.*

# LA ESPERO

Maestoso

Canto.

Piano.

En la mondo venis nova sento,
Tra la mondo iras forta voko;
Per flugiloj de facila vento
Nun de loko flugu ĝi al loko.

Ne al glavo sangon soifanta
Ĝi la homan tiras familion:
Al la mond'eterne militanta
Ĝi promesas sanktan harmonion.

Sub la sankta signo de l'espero
Kolektiĝas pacaj batalantoj,
Kaj rapide kreskas la afero
Per laboro de la esperantoj.

Forte staras muroj de mil jaroj
Inter la popoloj dividitaj;
Sed dissaltos la obstinaj baroj
Per la sankta amo disbatitaj.

Sur neŭtrala lingva fundamento,
Komprenante unu la alian,
La popoloj faros en konsento
Unu grandan rondon familian.

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos,
Ĝis la bela songo de l'homaro
Por eterna ben' efektiviĝos.

*L. L. Zamenhof*

# HAFID POETO

Hodiaŭ ne ekzistas en araba lingvo poeto pli subtila kaj interesa, pli profunda kaj delikata, ol *Hafid*. Ĉiuj liaj verkoj elmontras grandecon kaj troan amon al la beleco.

Du viroj estas en li: la revanto kaj la aganto, la poeto kaj la reĝo. La unua jam donacis al ni belajn verkojn; la alia, iam, malgraŭ la perfortpremado de la barbaroj, eble efektiviĝos grandajn farojn.

Li estas forta, trankvila, konscia je sia misio. Li scias esti severega, kiam la cirkonstancoj ĝin postulas nepre, sed lia temperamento sin klinas en la dolĉecon. Lia idealo estus regno de poetoj kaj sciuloj. Pasigi la vivon rigardante liajn tigrojn liberigitajn en la ĝardeno, ĉizante strofojn, kaj komentariante la antikvajn filozofojn malproksime de leĝdoktoroj kaj regaj aferoj, estus lia idealo. Sed je la nuna horo, li komprenas, ke lia situacio devas esti alia, kaj malgaje rememoras la epokon de l'*Mohadran'* kaj la militan trumpeton de *Imr-El-Kais*.

Estas certe, ke la instruantoj de lia *harka'* (militistaro) estas francaj oficiroj, kaj ke li pagas al eŭropaj *tubibs'* kiuj disciplinigas la tradiciajn *maalems'*, sed lia spirito restas nete orienta, enprofundigita en la rememoro de glora estinteco kun la espero je la mirigonta tagiĝo antaŭdirita de la *Profeto*. Nun li submetiĝas, atendas la konvenan momenton kun pacienco absolute *genta*, lojala plenumanto de la mahometaj reguloj. Sed tagon, eble ne malproksiman, li, ekkriante la *djihad'n*, perforte elpelos la okcidentan infekton.

Mi scias pri multe da liaj mirigaj agoj eksterordinaraj kiuj parolas al ni pri tre malproksimaj epokoj en ĉi tiuj jaroj de malbonaj pasioj kaj malestimindaj kondutoj.

Kiom da aĵoj ankoraŭ povos diveni en tuj publikigota poemo atenta kaj subtila leganto!

***

La verkaro de *Hafid* estas multenombra kaj diversa.

La titoloj estas sufiĉe elmontrantaj: *El zahr u al riad* (La floro kaj la ĝardenoj); *El Badia* (~~La Estetiko~~ de la lingvo); *Mukatabat el ehnan bel char* (La poezia interkorespondado inter amik~~oj~~); *El achaar el Muluk* (La poezio de la reĝoj); *Kuly el ahbar* (La juveloj de la tradicioj); *El gamea fil gunah* (La reguloj de la kanto); *Tabakat el chuarahs* (La diversaj specialecoj de poetoj), k. c. Neniu el ĉi tiuj verkoj estas tradukita en eŭropajn idiomojn.

Per ili oni rimarkas lian savan estetikan sencon, lian perfektan stilon neniam ŝanĝitan. Kun *Abdel Gham El Nabulsi* li povas kune ekkrii: «Mi amas la kaptojn kaj la versojn. La precizeco de la beleco en la poemoj kadencigas mian vivon; malbona harmonio estus povonta kaŭzi mian morton».

Tamen, lia poeta ĉefverko estas tiu, kiun ni komencos publikigi tuj, kaj kiun li verkis dum sia regado.

*H. E.*

---

## Lastaj vortoj de iuj famkonataj homoj

*Konciusko:* Fino de Polujo!

—

*Bayardo* al generalo *Borbon:* Ne ploru por mi ĉar mi mortas por la patrujo; ploru por vi ĉar vi batalas kontraŭ via patrujo kaj via reĝo.

—

Sinjorino *Stael:* Mi amis Dion, mian patron kaj liberecon.

—

*Gambetta:* Kuraĝon, miaj amikoj! Por mi ĉio finiĝis!

—

*Chernier* premante sian kapon: Ĉi tie estas io!

—

*Julio César:* Ĉu ci ankaŭ, Bruto?

—

*Kobbes:* Mi nun saltegos al eterneco!

—

*Cromwell:* Mi savis min!

—

*Victor Manuel:* Miaj filoj! Miaj filoj!

—

*Napoleono:* Avangardo de armeo!

—

Imperiestro *Aŭgusto:* Ĉu mi ludis bone mian rolon? Aplaŭdu, do.

—

*Ossiam:* La kordoj de mia harpo rompiĝas, ekludu lastan kanton!

—

*Victor Hugo:* Mi kredas je Dio!

—



VI.ª EKSPERIMENTA KURSO—PROFESORINO F-INO A. DIXON—ECCLES (ANGLUJO

*Moliere:* Mi ĵuras!

—

*Tasso:* En viajn manojn, Sinjoro!

—

*Mirabeau:* Lasu min morti dum sonado de muziko.

—

Admiralo *Churruca:* Nenio grava! Daŭrigu la pafadon!

—

Imperiestro *Neron:* Grandan artiston perdas la mondo!

# La kulo kun grandaj deziroj

**Simpla fabelo el kataluna lingvo de S-ro APELES MESTRES**

En unu el la primitivaj arbaroj kulo vivis kiu havis grandajn dezirojn.

—Tia kula vivo vere nenio estas kaj senvalora—ĝi al si mem diris—se mi nur estus bela, multe kolora papilio, kiu kvazaŭ flugilhavanta floro balanciĝas en la aero! Nu, mi ja ekaŭdis pri sorĉisto, kiu komprenas la

voĉojn de ĉiuj kaj volonte plenumas iliajn dezirojn, sed ĝis nun mi ne povis trovi lin.

Sed iun tagon la kulo tamen lin trovis al li flugis kaj petis: —Kara sorĉisto, min do aliformigu je papilio!

—Pro mi, jes—la viro respondis—florflugu nun kiel multe kolora papilio!

Kaj tuj la talio plilongiĝis, kaj du grandaj kolore brilantaj flugiloj kreskis.

Sed eĉ la papilio laciĝas post longedaŭra dancado en la aero: «—Birdo tamen estas aliaĵo—la papilio ekpensis—kiel rapide ĝi flugas de arbo al arbo, kaj kiel longa estas ĝia vivo! Mi min ensorĉigos en papagon, kiu montras ĉiujn kolorojn de miaj flugiloj sur la ĝiaj kaj ĉiujn ekmirigas». Kaj la papilio flirtis al la sorĉista dometo, flugadis antaŭ la etaj fenestroj kaj en ĝin enzumis:

—Sorĉisto mia! Sorĉisto mia! El mi faru papagon belan!

—Nu do estu kurbbekulo!—la viro eksteren kriis. Tuj la korpo de la papilio ŝvelis, ĉiu skvamo fariĝis plumo, la ruliĝa suĉa rostro fariĝis kurba beko. Kaj bela papago gaje forflugis.

Sur balanciĝanta palmobranĉon la birdo sidiĝis glatigis vante per la beko la brilanttan plumaron kaj kriaĉis tiel ke diversspecaj bestoj al li suprenrigardis. Ankaŭ simio ĝin ekvidis.

—Atentu amiko!—ĉi tiu kriis al la birdo—ŝajne vi supozas, ke la tuta pejzaĝo estas via! Sed ni ankaŭ estas en ĝi!

La papago subite ĉesis kaj la simion postrigardis, kiu burleske ĉirkaŭsaltis sur tero kaj poste lerte supren grimpis sur malsupren pendantaj kreskajoj rampantaj al pinto de alta arbo, en kies densan verdaĵon la simio malaperis.

—Ho! —nun la birdo pensis— Se mi nur estus fariĝinta tia rapidema simio, kiu havas tiel prudentajn okulojn kaj povas fari tiel multajn artaĵojn.

Jam la postan tagon masjtro kurbbekulo sin montris ĉe la sorĉpovulo kaj petis la permeson, esti simio. La sorĉisto ekridis, kaj ĉar li estis scivola pri tio, kio estas la fino, li bonanime opiniis: «Simio inter la birdoj, estu verda simio» kaj fulmorapide la birdo estis aliformigata je bel^ta simio.

La simio forsaltis, faris diversajn grimacojn kaj baldaŭ gimnastikis sur lianoj kaj branĉoj de l'arboj.

Sed kio do tio estis? fortega blekado trasonadis tra la primitiva arbaro. Kaj jen la branĉoj malfermiĝis, kaj giganta elefanto eksteren paŝis al inter la trunkoj, tiel ke la tero ektremis.

La simio kvazaŭ ŝtoniĝinta, pensis: «Vere tio plaĉas al mi! Kian kolosan forton posedas la elefanto! Tuj mi saltetos al ĉelo de l'sorĉisto kaj lin insiste petos, ke li faru el mi elefanton kun du puŝemaj dentegoj kaj kun longa rostro.»

Ĵus pensita, tuj farita. Jam post duona horo la simio sidis antaŭ la sorĉista dometo, faris strangajn grimacojn kaj komunikis sian deziron al la sorĉa domloĝanto.

Pri tiu-ĉi deziro la sorĉisto terure ekkoleris «Oni vere rimarkas, ke vi estas tro kuraĝa simio!» Li kolere ekkriis. «Ĉu vi eble supozas ke mi estas tia, kia el kulo faras elefanton? Foriĝu tia kia vi estis».

Kaj tiamaniere la simio denove fariĝis kulo.

Malgaje ĝi forflugis. Post mallonga momento ĝi estis en la beko de malsata birdo. Ĝiaj deziroj finiĝis.

Kun speciala permeso tradukis,

*Antono Llinas*

---

# UNUA KISO

Sur la vojo de l'vilaĝo
Unu fojon renkontiĝis
Gejunuloj je samaĝo
Kiuj subit enamiĝis.

Sur pinarba trunk' sidantaj
Ambaŭ gaje paroladis,
Kaj momentoj trapasantaj
Tre rapide forflugadis.

Sonis horo post alia,
Parolado ne finiĝis;
La amanto tre pasia
Pli amanta ja fariĝis.

Tiam venis la vespero,
Kun ĝi venis la malhelo;
Regis dormo sur la tero,
Steloj brilis sur ĉielo.

Venis horo de disiro,
Unu prenis la alian;
L'adiaŭa fina diro
Frapis amon la ilian.

La amanto am' freneza
Varmajn kisojn tre deziris
Kai per gesto tre kompleza
Li ĉi-tion al ŝi diris.

Oni vidis ŝin sekreti
Kaj sopire ŝi admoni:
—Kison devas vi ne peti
Sed nì kisojn devas doni.

*B. Martins d'Almeida (Bemaldo)*

# PRI FAMAJ KISOJ

Eĉ pli antaŭ ol la kisoj de *Cleopatra* kaj *Marco Antonio* preskaŭ okazigis ruinon de Imperio, la kiso ludis ofte rolon ŝatindan por la progreso de la Homaro. Ne estas, do, strange, ke multaj kisoj famiĝis kaj ke oni parolu pri ili.

Kaj ni ne parolos pri la kiso de *Judas*, per kiu li maskigis la plej abomenindan perfidaĵon; nek pri tiu de *Joab*, unu el la kapitanoj de *David;* nek pri tiuj, kiujn, laŭ legendo, donis al *Çesar* iuj el liaj mortigintoj. Kvankam tiuj kaj aliaj similaj estis kisoj, tamen ni ne konsideras ilin kiel verajn kisojn tial ke malamo naskis ilin.

Vera kiso estis tiu de *Henriko VIII^a* el Anglujo al *Ana Bolena*, kiam li deklaris al ŝi sian amon. Tiu kiso faligis la katolikismon en la regno, kaj pli malfrue ĝin pagis la malfeliĉa *Ana Bolena* per sia kapo. Ŝi vere estis viktimo de la kaprico de tiu nekonstanta kaj senkonscienca monarĥo.

Danĝera kiso ankaŭ estis tiu, kiun *Moctezuma*, la lasta indiĝena imperiestro de la meksikanoj, donis al *Hernan Cortés*, kiel pruvon pri fidela amikeco. Liaj regatoj tradukis tiun kison kiel malkuraĝon kaj perfidaĵon, kaj tial ili mortigis la imperiestron je la unua militokazo.

La Historio pruvas, ke kiso de virino juna kaj bela povas allogi la plej virteman viron.

La dukino de *Devonshire, Georgina*, tiel belege biografiigita de *Gainsborogh*, celis varbi elektontojn por la famkonata *Fox*, kaj ŝi ne trovis plej bonan rimedon por konvinki obstinan vianvendiston, kiu ne volis voĉdoni favore je ŝiaj deziroj, ol kisi lian vangon.

Ankaŭ en la historio de la Granda Britujo, oni raportas pri simila okazaĵo: la dukino de *Gordon*, kiu, per milo da kisoj, organizis la regimenton, kiun ankoraŭ oni nomas *Highlanders de Gordon*. Ĉi tio okazis je 1794. La dukino kaj ŝia filo, estonta kolonelo de la regimento, trairis skotajn montarojn, predikante la militon kontraŭ Francujo; iliaj paroloj kuraĝigis la junajn montaranojn kaj, fine, la amindaj lipoj de la dukino decidis ilin enregimentiĝi. Ĉiu rekruto estis kiŝata de ŝi. Ankoraŭ la *highlanders* konservas, kvazaŭ sanktarestaĵo, la kapveston el veluro kaj silkatolo bluaj, kiun la dukino gracia estis surmetanta.

Tre strange estas, ke fianĉino ĉesigu interrilatojn kun sia fianĉo per kiso; tial oni rememorigas en Italujo okazintaĵon. La duko *Máximo de Antikolo* enamiĝis freneze kun junulino el la mezklaso, filino de modesta familio romana. Ŝi ankaŭ amis lin tutkore; sed ŝiaj gepatroj kontraŭstaris al tiu amo pro la tro alta rango de la fianĉo. La duko konvinkis sian fianĉinon por edziĝo sekreta, aŭ almenaŭ li kredis ŝin konvinki. Jen la ceremonio; la pastro parolas ritualajn demandojn al la gefianĉoj, kaj subite ŝi sin ĵetas en la brakojn de la nobelulo kaj pasie kisas liajn lipojn, dirante poste: «Ĉi tio pruvos al vi, ke mi amas vin pasie, tutkore; sed mi ne povas esti via edzino. Mi ne konsentas ke vi ludu malbonan rolon ĉe la viaj». Kaj ne atentinte la petegojn de la fianĉo ŝi forkuris.

*Bismarck* ŝuldas sian familian feliĉecon al kiso. Tagon, ĉeestante edziĝfeston, li konis fraŭlinon, kiu frenezigis lin je amo, kaj tuj



VI.ª EKSPERIMENTA KURSO.—PROFESORINO F-INO E. MARSH

ECCLES (ANGLUJO)



VII.ª EKSPERIMENTA KURSO.—PROFESORINO, F-INO. M. B. BUCHAN
ECCLES (ANGLUJO)

li skribis al ŝiaj gepatroj deklarante sian amon por ilia filino kaj ke li estis preta edziĝi tuj. Li ricevis respondon, citante lin por interkonsenti kaj aranĝi tian aferon gravan. Efektive, li alkuris je la horo fiksita al la domo de sia kormastrino, eniris kaj ne salutinte iun, aliris al ŝi, prenis ŝin ĉe la talio, ŝin levis, kaj kisis ŝiajn vangojn. La gepatroj skandaliĝis, sed, fine, ili konsentis kaj anoncis la edziĝfeston. Neniam *Bismarck* pentis pro sia konduto, post kelke da tempo, kiam li estis la plej grava persono el Germanujo, krom la Kaisero, li diris: «Mi ŝuldas al mia edzino mian personecon».

*Julio Mangada Rosenörn*

# POR BELEGA LIBRO

*(Daŭrigo)*

*Salomon.*

—Bienaĵojn, rapide akiritaj, oni poste malŝparegis; kontraŭe, tiuj kiujn oni akiras iom post iom, per granda laboro kaj peno, pligrandiĝadas.

—Ne konsideru heredotaĵon kiel propraĵon, ĝis kiam vi posedu ĝin.

—Tiu, kiu atendas ŝuojn de mortinto; riskas paŝadi piednude.

—La beleco de vanta virino estas kvazaŭ ororingo ĉe la buŝego de porko.

—Oni scias pri la scieco de homo per ĝia pacienco, kaj ĝia merito estas ne atenti pri ofendoj.

—Feliĉa homo estas tiu, kiu akiris sciecon kaj estas riĉa je prudento.

—Virino laborema estas krono de la edzo, kontraŭe, malvirtemulino estas dispecigilo de liaj ostoj.

—Kiu gardas sian buŝon, gardas sian animon; sed malsaĝulo parolema suferos ĉagrenojn.

—Kiu amas ĝentilecon, ankaŭ esciecon; kiu abomenas admonojn, cenzurojn, estas malsaĝulo.

—Cenzuro estas pli profita por prudentulo, ol cent bastonfrapojn por malprudentulo.

—Tiu, kiu pardonas malbonulojn, naskas danĝeron por la bonuloj.

—Kiu ĉiutage festenas, eĉ mielo naŭzas lin; sed por malsatulo maldolĉaĵo estas dolĉaĵo.

—Tiu, kiu tro regalas, fariĝos almozulo.

—La espero, kiam malfruiĝas, ĉagrenas la animon.

—Dolĉa respondo moligas koleron.

—Post la flereco venas la malfeliĉo.

*Frederiko II[a] de Prusujo*

—*Maquiavelo*, per sia libro «La Princo», ludas malamindan rolon, kvazaŭ ĉarlatano pri la krimo.

—Tiu, kiu perfidas iujn, estu singardema je la perfido; kaj tiu, kiu klarigas lecionon por mortigi, timu ke la ponardo de disciplo frapu lin.

—Oni maskigas subaĉeton per malavareco aŭ bonfarado.

—Se la pasioj de la homo estas moderaj, ili estas la animo de la societo; sed kiam ili estas diboĉo, ruinigas ĝin.

—La rezono estas *io, kion* oni donis al la homo por lia defendo, kaj tiu, kiu *tion* uzas kontraŭ la homaro, vundas sin mem.

—La povo de ŝtato ne konsistas el ĝia vasteco, sed el la nombro kaj progreso de ĝiaj loĝantoj.

—Fanatikeco kaj superstiĉo estas nekuraceblaj.

—Princo, kiu batalas post siaj amikoj, estas malkuraĝa; sed kiu batalas apud ili, ĉe iliaj vicoj, ĉiam estas forta.

—Ĉiu, kiu celas perfortsubmeti similulojn, estos trompanta kruelemulo.

—La dormemo kaj la espero estas la du kvietigilojn, kiujn la Naturo donis al homo.

—Homo atinganta la povon, per sia scieco, aŭ per siaj virtoj, estas nur filo de sia reputacio, kaj la popoloj estimos lin pro lia konduto, ne pro la humileco aŭ nobeleco de lia lulilo.

*(Daŭrigota)*

## PRI LA FLORAJ LUDOJ KAJ ĜIA DEVENO

### Keltoj, Galloj kaj Britoj

IV

Efektive, la kantistoj, tiuj venerindaj poetoj de la kantabroj, keltoj, galloj kaj britoj, kiuj, kantante la agojn de la herooj je la takto de maldelikataj liroj, kuraĝigis batalantojn, ĉu preparante ilin por la milito, ĉu ilin ekscitante dum la batalo mem por krueligi ilin, tiuj mem, dank' al respekto, kiun la popoloj sentis por ili, ĉar eĉ iam oni haltigis la batalon por aŭdi iliajn kantojn se ili sin prezentis inter ambaŭ militistaroj batalantaj, tiuj poetoj, tiel kruelaj je la komenco kiel ceteraj samlandanoj siaj, estis kiuj ŝanĝis siajn militkantojn kruelajn je kantoj de paco, kaj kiuj ekfaris pacon estiminda, kaj, inspirante bonon kaj trankvilecon per siaj



VII[a] EKSPERIMENTA KURSO—PROFESORINO F-INO. E. HOOG ECCLES (ANGLUJO)

kantoj, atingis ke iliaj admirantoj ne estu tiel kruelaj kiel antaŭe; fine, tiuj poetoj, per la ĉarmo de siaj kantoj, malfermis novan epokon de kulturo, kaj metis la unuan ŝtonon por rekonstrui la detruitan templon de l'scieco, kie renaskiĝis la estingitajn lumojn.

La kolegio de l'poetoj estis poste en Francujo, Irlando kaj Skotlando, establo en kiu oni studis kaj praktikis la poezion, kaj en kiu, dum publikaj konkursoj, oni premiis plej bonajn poetojn, kiujn oni konsideris kvazaŭ vivantaj kronikoj priskribantaj glorojn de la patrujo kaj vivon de herooj, kies heroaĵojn ili kantis, tre antikva kutimo en Hispanujo. Preskaŭ ĉiam nedankemo iras post bonfaro, kaj tio ĉi okazis al la poetoj de la galloj. Rimarkante *Eduardo I*[a], kiam li almilitis *Provence*, ke la junuloj de la perfortalmilitita lando kuraĝiĝis aŭdante kanti al poetoj antikvajn heroaĵojn kaj ĉarmojn de la libereco siajn, li, timante vekiĝu deziro por sendependo, kiun li forrabis al ili

celis malaperigi ĉion, kio rememorigis al ili tiajn emojn kaj amojn. Por tio, laŭ sciulo *Hume*, ordonis venigi en saman lokon ĉiujn, poetojn de la lando kaj senkompate kaj kruelege buĉi ilin. Poste, en Granada, sur la fontano de la leonoj de la *Alhambra*, ankaŭ same oni buĉis la *Abencerrajes*. La galloj perdis siajn poetojn, sed la poezio jam ekfaris sian civilizantan revolucion, kaj novaj kantantoj anstataŭis la unuajn, rememorigante la kantojn de la fama *Osian* (filo de *Fingal*), daŭrigante la civilizacion, kiun iniciatis la kantabroj kaj galloj sed baldaŭ ili estis devigataj cedi la lokon al geniaj kaj inspiritaj poetoj, filoj de la hispanaj poetoj arabaj, kiuj perfektigis la laboron komencita de tiuj.

De la apero de la poetoj transirantaj de Hispanujo en *Provence*, je la XI.ª jarcento, la poetoj malboniĝis ĝis esti eĉ vagantaj ridigistoj, kaj tiel diboĉis, ke estis necese leĝdoni kontraŭ ili, kaj la reĝino Elizabeto de Anglujo donis dekreton je 1567 per kiu ŝi ordonis: ke la lundo post la festo de la Triunuo de tiu jaro, juĝistaro konsistanta el kavaliroj *Recley*, *Griffit*, *Ellix-Prix* kaj ŝia paĝio *Wilhelmo Mortin*, kunvenigu ĉiujn poetojn kaj muzikistojn de *Gales* kaj elektu plej bonajn el ĉiuj, kaj devigu ceterajn labori la teron aŭ sin okupi per aliaj metioj, por eviti tiel la skandalo, kaj povi premii kaj honori la bonajn poetojn kaj komponistojn



# KRONIKO

*Vendrell.*—Organizita de la grupo «Fratceo» kun partopreno de divesaj Societoj kaj privatuloj de nia urbo, okazis kiel ĉiujare en la salono de la publika teatro «Tivoli» Bonfarada Vesperfesto tre sukcesinta.

Je la deka vespere komencis la festo per orkestsinfonia uverturo, sekvis legado de versajoj kaj prosajoj S-ro Eivestit kaj S-inoj Robira kaj Gené, kansonoj de la «Lira Vendrellenca», fluan paroladon pri la temo «Utilitad del Esperanto» diris elokvente F-ino Maria Julivert, profesorino de «Fratceo», kaj S-ro Masolans direktoro de la «Academia Guimerá» legis belan poezion, finante la unuan parton per prezentado kun granda orkestakompano, de la dua akto de la opero *Dinorah* kiun kantis nia eminenta aktrizo F-ino Carlota Gesti, kies finojn kronis longedaŭraj aplaŭdoj.

Due, Sinjoro J. Nin ludis la monologon de Rusiñol «L'Escudellometro» kaj fine la gegrupanoj F-inoj Mercadé, Romeu kaj Guell; S-roj Julivert, Soler, Marcé kaj Fontanilles sub la direkto de S-ro Ferrán Ramon prezentis tre bone la duaktan katalunа-esperantan komedion de S-ro Miquel Casas «Vivu Esperanto».

La distinginda ĉeestantaro kiu plenigis la ampleksan salonon de la teatro, multe ridis la oftajn spritajojn de la nomita verko kaj fine premiis per longaj aplaŭdoj la laboron de la ludantoj. *Guitart.*

—

*Oviedo.*—S-ro Alfonso Cisneros, tre sprita kunzamenhofano, diras al nin pri la mistero de la Sankta Duunuo. Jes; S-ro Cisneros kun S-ro Braga, kiu loĝas en Gijón, estas duonesperantistoj kaj unu sola volo por semi Esperanton en *Asturio*. Ili ekpropagandados per urbaj jurnaloj unue kaj certe ili malfermos kursojn, kiuj certe sukcesos ĉar niaj samideanoj estas fervoraj kaj lertaj, kaj S-ro Cisneros tre sprita, tial li allogos lernantojn.

—

*Córdoba.*—Dum lasta ĝenerala kunsido, kiu okazis la 13-an de Januaro, la loka Societo Esperantista, Grupo Kordoba elektis la jenan Direktaron: Prezidanto, S-ro Pablo Linares; Vicprezidanto, S-ro Laureano de Tapia; Sekretariino, F-ino Laura de Tapia; Vicsekretario, S-ro Joaquín Pastrana; Kasisto, S-ro Enrique de Obregón; Voĉdonantoj, F-ino Ana Megía, S-ro Manuel de Miguel, S-ro Manuel Ruiz, F-ino Rosario García kaj S-ro F. Serrano Olmo.

Geĉeestantoj entuziasme parolis pri la propagando kiun oni devas fari por disvast-

igi Esperanton kaj decide entrepreni aktivan agadon celantan tion.

La kontento estis granda pro novaĵoj venintaj de multaj urboj pri fruktiĝo de nia kara lingvo.

—

*Cartagena.*—La ĉi tiea Grupo kunvenis por elekti novan komitaton por ĉi tiu jaro. Oni elektis: S-rojn Andrés Rorique (Prezidanto), Henriko Solano (Vicprezidanto), Ferdinando Pastor (Sekretario), Anĝelo Mingot (Vicsekretario), Damían Rosique (Kasisto), Jozefo Alhama (Kalkulisto), Francisko Avila (Bibliotekisto), Diego García kaj Jozefo Roig (Voĉdonantoj).

La Cartagenaj geesperantistoj solenigis esperantan daton 17-an de Decembro. S-ro Damian Rosique faris elokventan paroladon pri Esperanto, kaj poste oni legis esperantajn verkojn kaj donacis esperantajn gramatikojn kaj stelojn al la du plej bonaj lernantoj. Ankaŭ oni ludis esperante kaj hispane monologon «La Senhejmulo», kaj fine estis dancado kaj fermis la kunvenon per ĥoro kantanta «La Esperon» piane ludita de F-ino Karito Rosique kiu ankaŭ ludis aliajn komponitaĵojn.



GRUPO «PACO KAJ AMO».—EKSKURSO AL MONTO «SAN ROMÁN»

—

*Alumbres* (Apud *Cartageno*).—En la nacia lernejo kiu direktadas tre klera instruisto, S-ro Eubilio del Barrio, la infanoj lernas Esperanton. Estas vere kortuŝinte trovi tra la stratoj de tiu ĉi urbeto infanojn eĉ infanetojn parolantajn Esperanton. La profesoro devas korespondadigi iujn infanojn kun aliaj el *Eccles* (Anglujo).—*Pastor.*

—

*Santander.*—Ĉi tie multe laboras por sukcesigi Esperanton. La Grupo *Juneco* kunvenis por nomi la komitaton por ĉi tiu jaro, kaj

oni elektis: Prezidanto, S-ro Eugenio Diego; Vicprezidanto, S-ro Antonio Cubas; Kasisto, S-ro A. Tomás Iglesias; Sekretario, S-ro José E. Pedraz; Vicsekretario, S-ro Angel Iturbe; Voĉdonantoj, S-roj Francisco Ugarte kaj Adolfo Varbil. Ĉi tiu Grupo alliĝis al Zamenhofa Federacio kies Delegito en ĉi tiu urbo estas S-ro E. Diego. La sidejo de ĉi tiu Grupo estas: *Rio de la Pila*, 23-2.º. Du membroj de «Juneco» fondis «Ludistan Klubon» kaj ili celas interesigi ceterajn membrojn por ke ili lernu Esperanton.

—

*Sabadell.*—Laŭ diras al ni nia Delegito en ĉi tiu urbo, S-ro Johano Comadrán, (Strato Casanovas, 21.) Esperanto antaŭeniras kaj la geesperantistoj entuziasme laboras.

—

*Barcelona.*—La Grupo Nova Sento okazigis la 7-an de Decembro grandan kaj belan teatrofeston ĉe la sidejo de la Societo *Juneco Moderna.* Post sinfonio, iuj grupanoj ludis la dramon *Joventut* (Juneco), poste la tre interesan komedieton de nia samideano S-ro Giţi Norda, titolita *L'infern Esperantista* (La infero esperantista) kaj fine alian unuaktan komedion. Direktis nia samideano Johano Canales. Fine estis dancado.

Grupo «Paco kaj Amo». Dum la milita ventego senĉese blovas furioze tra la tuta mondo, ni kolektas niajn fortojn esperplenajn kaj vigle laboras por la bono de nia idealo. Estas nia espero, ke la sperto, pro la nuna longedaŭra katastrofo, sentigos ĉiujn abomeni militon kaj ke same, kiel nun el popoloj militantaj, ceteraj rifuzos baldaŭ kaj por ĉiam militado. Ni esperas ke la interna ideo de Esperanto ricevos grandan entaŭenpuŝon kaj ke la skeptikuloj ne tiel parolaĉos pri nia kara lingvo.

La propagando organizita ĉe la malfermo de la lasta kurso estis sufiĉe efika kaj nia laboro estis kontentige rekompencita de 36 novaj gelernantoj de nia lingvo, el kiuj multaj jam parolas kaj entuziasmiĝis eksterordinare pri nia movado. Estas espero nia ke multaj pacelantoj pligrandigos nian armeon je la fino de la kurso.

La 25-an de Oktobro pasinta, post malfermo de kursoj la Societo organizis, je la honoro de novaj gesamideanoj, gravan ekskurson al pentrida monto *San Román.* La ekskursoj, krom amuzi kaj sanigi la korpon kaj spiriton, estas tre instruantaj. La ekskursantoj estis multenombraj kiel oni povas rimarki per la fotografajo.

Sukcese oni vizitis «Observatorion Fabra», staranta sur la monto *Tibidabo*, kie Doktoro E. Fontseré afable akceptis vizitantojn kaj klarigis vulgarscience movadon de la tero kaj astroj, kaj montris aparatojn diversajn.

En la ĝenerala kunsido okazinta en ĉi tiu Societo, la 6-an de Januaro, oni elektis la jenan komitaton por la nuna duonjaro: Prezidanto, S-ro J. Roig; Vicprezidanto, S-ro A. Picoret; Sekretario, S-ro A. Bohigas; Vicsekretario, S-ro J. Rocafull; Kasisto, S-ro S. Alberich; Kalkulisto, S-ro J. Sangenis; Bibliotekisto, S-ro C. Segura; Voĉdonantoj, S-roj Massachs, Torrente kaj J. Prestre.

Ĉefaj decidoj de ĉi tiu kunsido estis: Subteni iniciativon de HISPANA ESPERANTISTO por sendi petskribon al rusa popolo; celi enkondukon de Esperanto en Societojn kaj Ateneojn post vigla propagando; peti al ĉiuj eminentuloj hispanaj ilian opinion pri lingvo internacia kaj presigi respondojn ricevotajn broŝure aŭ folie por propagandi.

Tial oni povas konstati ke nia laboro ne ĉesas eĉ minuton, kaj ke ĝi efike edifas homojn instruitaj de ni pri amo interhoma.

¡Ni esperu, laboru kaj ne laciĝu!—*Propaganda Fako.*

—

*Madrid.*—La ĝenerala kunveno de Centra Madrida Grupo voĉdonis la jenan komitaton: Prezitanto, S-ro Julio Mangada Rosenorn; Vicprezidanto, S-ro Vicente Alonso; Sekretario, S-ro Luis Rodríguez; Kasisto, S-ro Pedro Cebrecos; Bibliotekisto, S-ro Indalecio Rosch; Voĉdonantoj, F-ino Amalia Anchelerga, S-roj J. Mascarell, Luis Angel Ramírez kaj Antonio Hernando. En tiu ĉi ĝenerala kunveno oni decidis intensigi esperantan propagandon starigante Propagan-

dan Fakon kaj helpi kiel eble plej aktive kaj efike «Zamenhofan Federacion».

«Zamenhofa Federacio» ankaŭ kunvenis ĝenerale, por voĉdoni komitaton proponotan al ĉinj zamenhofanoj; unuanime oni proponis S-rojn Rafael de San Millán, Prezidanto; Jozefo Perogordo, Vicprezidanto; Julio Mangada Rosenorn, Sekretario-Kasisto kaj Jesús Ramírez, Vicsekretario. Tial Zamenhofanoj, per delegitoj, sciigos al S-ro Julio Mangada (San Bernardo, 96) siajn voĉdonojn kiel eble plej baldaŭ.

S-ro Julio Mangada parolis pri la granda sukceso atingita, sukceso ŝuldita al ĉiuj entuziasmaj Zamenhofanoj, kiuj multe helpis la laboron de la fondintoj kaj propagandis senĉese. Dank' al kunagado de Zamenhofanoj ni povas kanti belegan triumfon, sed estas necese ne kuŝi kaj dormi sur laŭroj atingitaj, nia celo postulas ankoraŭ senĉesan kaj entuziasman laboron, ĉar estas necese meti Hispanujon en ĉefa loko ĉe esperantistaj vicoj je la momento kiam la milito ĉesu. «Hispana Esperantisto» estas nia miraklo, ĝi kontentigis ĉiujn Zamenhofanojn, ĝi kontentigos ilin konstante kaj ilin kunigos ĉiam frateге; subteni ĉi tiun ligilon estas nun nia ĉefa afero kaj por tio ĉi estas necese varbi Zamenhofanojn Protektantajn kaj Protektantojn. El eksterlando venis laŭdoj por nia revuo, ni havas la devon ke tiuj laŭdoj estu meritita de ĝi.

S-ro San Millán entuziasme parolis pri nia laboro kaj proponis *Dankvoĉdonon* por S-ro Mangada, kaj unuanime ĝin aprobis ĉeestantoj por ankaŭ sciigi ĝin al ĉiuj Zamenhofofanoj.

Ankaŭ oni parolis pri neceso ke ĉiumonate oni sendu al Hispana Esperantisto raportetojn pri Movado, kaj ĉiuj Zamenhofanoj siajn portretojn (poŝtkarte) kun subskribaĵo.

*El Pardo.* En ĉi tiu urbeto, intertempa sidejo de la hispanaj reĝoj, baldaŭ vin fondos grupon dank' al laboro de nia entuziasma samideano S-ro Benigno Luna.

Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid.

# SPRITLUDOJ de NOVEJARQUE

## HIEROGLIFO

a' a

BABELA

## SPRITA ŜARADO

Sen la 1.ª = TENIĜO

Sen la 2.ª = VEGETAĴO

Sen la 3.ª = OSTO

TUTO = NELACIGA STATO

La solvoj en venonta numero.